

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXII Nº 263 MAYO-JUNIO 1984

# Seviljo, urbo de la nunjara H. E. Kongreso

En la fama kvartalo S-ta. Kruco troviĝas la famkonata kaj samnomata Placo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Apartado 119 - VALLADOLID

REDACTOR JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moya
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz

# ENHAVO



Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Maria Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Av. Vicente Mortes
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

José González Suárez
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj:

Cuenta Postal 3.118.078

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H.E.J.S.

Atocha 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# LA ESPERANTO-MUZEO



Eble, legante la supran titolon multaj el vi pensos ke mi intencas diri ion pri la Internacia Esperanto-Muzeo kiu ekzistas en la urbo Vieno kaj situas en la kupolo de la palaco Hofburg kaj kiun mi, persone, vizitis jam dufoje. La lastan kun grupo da esperantistoj el diversaj landoj kun kiuj mi partoprenis en Internacia Turisma E-Semajno, okazinta post la U.K. en Budapeŝto kaj bone aranĝita de la respondeculo de Monda Turismo en Viena, s-ro Finkenzeller.

Tamen, nun mi deziras diri al vi ion pri la nura E-Muzeo ekzistanta en nia Lando, konkrete pri la Muzeo de Esperanto situanta en la bela urbeto de Sant Pau d' Ordal je 12 km. de Vilafranca del Penedés kaj je 38 km. de la granda metropolo Barcelono.

La iniciatinto kaj nuna Direktoro de la Muzeo estas Lic. Luis María Hernández Yzal kiu, ame kaj diligente, sciis starigi tre gravan kaj interesan kolekton, kiu nun estas je la dispono de ĉiu studemulo deziranta labori en la Muzeo.

Je la komenco, la muzeo tiam nomata «Hispana Esperanto-Muzeo» estis lokita en fako de apoteko kies posedanto estas s-ro Hernández Yzal mem, sed la tuja kaj konstanta kresko de la kolektita materialo (revuoj, libroj, broŝuroj, afiŝoj, k.t.p.) devigis lin aĉeti sufiĉan terenon en la strato nomata «Carrer Dr. Zamenhof» kie oni konstruis tre belan domon.

En ĝi situas en tre bona ordo, ĉio kion la Muzeo posedas rilate la E-movadon.

Dum mia vizito al la menciita Muzeo, efike helpate de ĝia Direktoro, mi trovis interesajn informojn pri la historio de la esperantisma movado en Hispanio, sed kompreneble, por ke tiuj informoj estu kiel eble plej kompletaj oni bezonas plurajn tagojn kaj eĉ semajnojn, kaj tioman tempon mi ne havis. Emeritulo aŭ simila persono povus dediĉi sian libertempon al tiu tasko, ĉar certe la Muzeo posedas la necesajn elementojn por profunda analizo de la historio de la E-movado en Hispanio.

Trafoliumante diversajn revuojn, jarlibrojn kaj aliajn dokumentojn mi trovis tre interesajn kaj kuriozajn informojn.

Tiel, en la jaro 1903-a oni eldonis la revuon «La Suno Hispana» en la hispana kaj en la esperanta lingvoj kaj ĝi, krom esti organo de la E-grupoj de Murcio kaj Valencio, estis la organo de la «Hispana Societo por la propagando de la Lingvo Internacia», en la jaro 1904-a s-ro Ricardo Codorniú, unu el la pioniroj de la esperantismo en Hispanio, fondis katolikan revueton titolitan «Katolika Sento». Kvin jaroj poste en 1909-a okazis en Barcelono, la Universala Kongreso de Esperanto kun ĉeesto de d-ro Zamenhof kaj lia edzino. De tiu evento estas letero de d-ro Zamenhof aperinta siatempe en la revuo «Tutmonda Espero» kaj kiun ni, dank'al ĝentila afableco de la Muzeo, publikigas en apuda paĝo.

La jaro 1913-a estas signifa en la historio de la hispana E-movado, ĉar en ĉi-tiu jaro okazis la 9-a Kongreso de Hispanaj Esperantistoj kie oni decidis la jenajn konkludojn, kiuj post 70 jaroj ankoraŭ restas validaj; ilin ni kopias el revuo tiuepoka troviĝanta en la Muzeo. Jen ili:

«La Kongreso rekonas la neceson de supera potenca Komitato, kiu kunigante ĉiujn fortojn kaj havante ĉies reprezenton, klopodos por la starigo kaj oficialigo de Esperanto en Iberio».

«La Kongreso vidos kun ĝojo la starigon de simila al nia Federacio en la ceteraj partoj de Iberio kaj ilian kunagadon en granda Kunfederacio, kiu respektante ĉies liberecon, laboros efike kaj unukore por la antaŭe diritaj celoj». Ĉu vi ne konsentas ke tiaj konkludoj ege validas por la nuna situacio de la E-movado en nia Lando?

En 1917-a la revuo «Hispana Esperantisto» estas la oficiala organo de «Zamenhofa Federacio» kaj en la sama jaro du monatojn poste ĝi fariĝas oficiala organo de la Zamenhofa kaj Andaluziaj Federacioj kaj en tiu numero aperas la jena klariga noteto.

«La Zamenhofa Federacio ne venas malfaciligi esperantistan laboron de ceteraj federacioj ekzistantaj en nia patrujo. Ĝi deziras fratecon kaj unuecon inter ĉiuj hispanaj esperantistoj». Dum tiu jaro kaj pluraj poste, prezidis la Grupon de Esperanto de Sevilla kaj la Andaluzia Federacio, s-ro Trinidad Soriano.

La Muzeo bone ekipita, posedas gravajn kolektojn de malnovaj revuoj, ĵurnaloj, afiŝoj, k.t.p., ege bezonataj por efika kaj kompleta loboro kun la celo verki kompletan kaj detalan Historion de la E-movado en nia Lando kaj certe la persono kiu povus kaj dezirus realigi tian laboron trovos en la 250 kvadrataj metroj ĉiujn necesajn kondiĉojn por taŭga plenumo de la tasko.

La posedaĵoj de la Muzeo konstante kreskas ĉiutage kaj en tiu tasko ni, simplaj esperantistoj, povas helpi sendante al la posedanto s-ro Hernández Yzal, ĉion pri Esperanto kio ne estos valida por ni, ĉar kiel prave diras prospekto pri la Muzeo, kiun ni dissendis kun alia numero de BOLETIN «ĉiuj Esperantaĵoj estas bonvenaj kaj alloge kolektitaj en la Muzeo. Forjetu nenion!» Ĉio estas utila por la Historio de Esperanto... «Sendu ĉion ne bezonata de vi kaj estu certa ke via kontribuo estos vera juvelo por la Muzeo kaj por la Historio de Esperanto».

Aliaj E-revuoj kaj ankaŭ en pasintaj numeroj de «BOLETIN» oni verkis pri la Muzeo, sed mi deziris alporti mian greneron por ke ĉiu, speciale la nova generacio de esperantistoj, konsciu pri la ekzisto de tiel grava kolekto kiun la Muzeo prezentas kaj fieru pri tio ke ĝi, dank'al malavara sinteno de entuziasma samideano kiel s-ro. Hernández Yzal, situas en nia Lando.

**L. Hernández**

## ADIAŬA LETERO DE D-RO ZAMENHOF

Lasta saluto al Barcelono.

Antaŭ ol ni, esperantistoj kongresanoj, forlasas la belan kongresan urbon, ni esprimas ankoraŭ unu fojon en la nomo de la kongresanoj nian plej profundan koran dankon al la gastama kaj simpatia urbo por la tre amika kaj frata akcepto, kiun ĝi faris al la gastoj venintaj el ĉiuj partoj de la mondo kaj por la granda kaj sincere kora simpatio, kiun la reprezentantoj de la urbo esprimis rilate la ideon, por kiu ni laboras. Barcelono vivu, kresku kaj floru!

Samtempe mi permesas al mi esprimi apartan dankon de mia edzino kaj de mi por la speciala afableco, kiun la deputitaro de Barcelono montris al ni per sia por ni tre kara memoraĵa donaco.

L Zamenhof

## (Ne tiom)

# FACILAJ TEKSTOJ

—Edzineto tre amata, altdevena princino, hip!, permesu, ke mi kisu vian manon.

—Kavaliro, atentu, ĉar la momento ne estas oportuna.

—Kio okazas? Ĉu estas fajro en la kastelo? Ĉu mi ne estas via leĝa edzo, laŭ la Eklezio kaj laŭ la Ŝtato?

—La tagon, kiam ni iris brak-en-brake al la juĝejo, preĝejo kaj nupta ĉambro, vi estis sobra. Sed ĉi-nokte...

—Ha! Eble ĉi-nokte mi alvenas hejmen iom tro kontenteta kaj malfrue vi pravas. La senprudaj manetoj de la katedral-horloĝo ĵus tuŝis la noblajn partojn de la noktomezo.

—Ne! Estas ja la tria matene!

—Ĉu vere? Kiel bela vi estas, amatino!

—Ĉu certe? Kiel ebria vi estas, senhontulo!

—Mia katineto kara... En la momento, kiam mi alvenis...

—Zorgu, ĉar la katineto povas grati!

—Amon kaj komprenon mi petas, kaj ne fierecon karulineto. Pardonu vian pekintan edzon kaj helpu min ĝis nia komuna kaj ne nur leĝa sed ankaŭ sopirata lito.

—Forgesu la liton. Ĉu vi volos, ĉu vi ne volos, ĉinokte vi dormos sur la sofo.

—Kion mi aŭdas! Ke mi dormos sursofe? Mi, mi, kiu amas vin pli ol ĉion en la mondo?

—Jes. Vi, kiu venis hejmen malfrue kaj ebria.

—Amatino! kiel mi, tiel ankaŭ mia amiko Petro alvenis siahejmen iom malfrue, kaj mi estas preskaŭ certa ke lia bonkora edzino malfermis siajn brakojn por ame kaj senriproĉe pardoni kaj akcepti lin en sankta, mola kaj varma geedza lito.

—Vi eraras. Kiel vi, tiel ankaŭ li alvenis al sia hejmo malfrue kaj kvarpiede. Kaj tiel same, li dormos ĉinokte sursofe. Tiel decidis lia edzino kai mi telefone antaŭ unu horo.

—Terure! Tio signifas, ke ŝi kaj vi komplotis telefone kontraŭ viaj respektivaj edzoj kaj sinjoroj, ĉu?

—Karulo, aŭskultante vin, mi ne scias ĉu ridi, ĉu plori.

—Amatino, mia koro sangas pro pento kaj doloro. Ĉu mi agis maldece? Mi ne scias... Eble jes, eble ne. Sed tamen, mi agnoskas ke mi pekis.

—Ja estas klare, ke vi pekis. Edzoj devas alveni hejmen je decaj horoj.

—Vi pravas, kiel ĉiam! Sekve, grava estas mia kulpo. Ĉu... pardonebla?

—Ne pardoninda. Al la sofo iros vi.

—Ha, senkorulino! Vidu ke mi ne nur hontas, sed ankaŭ plorĝemas. Dormi for de vi, neniam! Al la sofo, ne!

# POR LA LERNANTOJ

—Al la sofo, jes!

—Permesu klarigon, edzineto tiel aminda kiel respektata. Auskultu largânime mian eksplikon, despli ke ĝi estos mallonga, kaj nur poste kondamnu aŭ pardonu la krimulon.

—Vi rajtas paroli. Sed ne pro tio mi pardonos vin.

—Aŭskultu, ho, severa juĝistino! Hieraŭ vespere mia ĉefo, tiu malpura bestaĉo, abomeninda azeno kaj duhufa kvarpiedulo, transformiĝis mirakle en mirindan feinon, li venis al mi kaj tre afable parolis tiel: «Amiko mia, kiel filon mi amas vin. Kaj por tion pruvi, mi anoncas ke la Banko kaj mi, via supera ĉefo, estas ambaŭ tre kontentaj pri via servado kaj laboro. Do, mi kaj la Banko deziras promocii vin. Sciu! Ĉi-matene mortis subite kaj bedaŭrinde la helpanto de la subĉefo en la Sekcio pri Sensolvaj Aferoj kaj Nepagivolaj Klientoj. De nun, vi okupos tiun postenon. Jen oficiala atestilo kaj pistolo. Gravaj estos viaj devoj, filo mia. Nome: Lukti por la superegaj interesoj de la Banko; ĉiam, ĉie kaj senĉese persekuti ŝuldantojn, kaj el ili enspezi eltiri kaj elsuĉi monon, ĉu vole, ĉu kontraŭvole. Kompreneble, via salajro altiĝos je kvindekprocento kaj la pensio de via eventuala vidvino estos duobligita. Antaŭen, kaj la Ĉielo protektu vin». Tiel parolis mia superulo. Mirinde, ĉu ne?

—Kaj mi imagas, ke vi volis festi la altiĝon trinkante kun via amikaĉo Petro.

¡Tute ne, edzino senegala. Mi opinis —kaj mi opiniis saĝe— ke mi devas fari neforgeseblan donacon al mia juna, bela kaj inteligenta edzineto tre amata: kolieron el perloj, oran brakringon vizon-pelton... Ion ajn, ĉu? Petro respondis, ke tio povas esti danĝera ideo, ĉar oni ne devus ĉiam alkutimigi edzinojn al modero en elspezoj pri juvelaro kaj similaj banalaĵoj. Li konsilis buntan sed modestan florbukedon.

—Kia monstro! Mi avertos lian edzinon!

—Do, ni vizitis kune amikon juveliston. Kaj estis konsentite ke vi iru al lia butiko kiel eble plej baldaŭ por elekti kio ajn vi preferos.

—La vetero estas tre malvarma. Ni parolos pri la vizono. Aŭ eble pri braceleto kun belaj ne tro grandaj diamantoj... Mi vidos.

—Poste ni invitis la juveliston, la juvelisto invitis nin... Vi ja scias. Biero, vino, viskio, brando, vodko... Ni, viroj, estas naivaj kaj malfortaj. Kvazaŭ infanoj ni estas. Nun... nun mi hontas, karulineto. Mi ja estas edzo sendigna! Mi ne meritas vin... Ha! Mi nur meritas la sofon! Ha, Ha!

—Oh, ne, ne, ne! Mia kara, mia amata edzeto! Atendu momenteton. Sidiĝu sur la sofo. Mi preparos nian ĉambron. Ĉi nokte, vi dormos inter silkaj littukoj, duonlume, kun biskvitoj kaj ĉampano sur la noktotablo... Ho, karulo! Mi amas vin, mi estas feliĉa, mi estas ege kontenta, mi estas... Nu! Karulo! Atentu! Aŭskultu min! Malfermu la okulojn! Ĉu vi ekdormis? Vi dormiĝis! Kaj... sur la sofo!

Permesu, ke = Permite, que
kio okazas? = ¿qué ocurre?
kiel bela = qué hermosa
kaj ne fierecon = que no ferocidad
samkiel ankaŭ = así como también

pli ol ĉion = más que todo (nada)
kiel mi, tiel ankaŭ = como yo, así también
ĉu... ĉu... = si... si...
sed tamen = pero sin embargo
ne nur... sed ankaŭ = no solo, sino también
for de vi = lejos de ti
pro tio = por eso
io ajn = cualquier cosa
enspezi = cobrar
elspezi=pagar

ĉar la momento = que el momento
La tago kiam = el día que
Zorgu, ĉar = Cuidado, que
mi, kiu = yo, que
ne nur... sed ankaŭ = no solo, sino también
tiel same = asimismo, igualmente

eble jes = quizá si
sekve = en consecuencia
nur poste = solo después

despli, ke = tanto más, cuanto que...
vole nevole = de grado o por fuerza
ni viroj = nosotros los hombres
kvazaŭ infanoj = como niños
estas konsentite = se ha acordado

JES

# Internaciaj Kongresoj kaj Kunvenoj

INTERNACIA SOMERA ESPERANTO-UNIVERSITATO, organizita de Bulgara Esperantista Asocio (B.E.A.) okazos en la antikva universitata urbo **Veliko Târnovo**, de la 23-a ĝis la 29-a de julio, la dua sesio de ISEU.

En ĝi prelegos, i. a., d-ro Gugev el Sofio, vicprezidanto de la Akademio de Esperanto; d-ro Szerdahelyi el Budapeŝto, s-ino Lapenna el Zagrebo, k.a.

La prelegoj okazos antaŭtagmeze en la Universitato kaj p.m. oni antaŭvidas plurajn ekskursojn.

Vespere okazos film kaj diapozitiv-prezentadoj, belartaj kaj amuzaj programoj, renkontiĝoj kun samideanoj el la urbo, k.t.p.

70-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, De la 3-a ĝis la 10-a de Aŭgŭsto 1985-a okazos en **Augsburg** (F.R. Germanio). Meze en tiu jubilea etoso de la dumiljara jubileo de ĝia fondiĝo, okazos la **Universala Kongreso de Esperanto**.

**Aubsburg** estas la tria urbo laŭgrande en la federacia lando Bavario kaj ĝi estis fondita en la nomo de la romia imperiestro Aŭgustus ricevante, siatempe, la nomon **Aŭgusta Vindelicorum.**

La kongresejo estos la kongreshalo de la urbo, kiu situas nur 10 minutojn, piede, de la stacidomo kaj de la centro de la urbo. (Informilojn petu al L.K.K. 70-a U.K. de Esperanto, Seitzstr. 14 D-8.900 AUGSBURG)



**Esperanto kurso en Sant Cugat del Vallés (Barcelono).**

# ĈIAM EBLAS

Ĝenerale, la edukaj instancoj de nia Lando malatentas Esperanton, kvankam de longe aperas la nomoj de la koncernaj respondeculoj konsistigantaj Honorajn Komitatojn de niaj Naciaj Kongresoj. Kompreneble, ĉiam estas esceptoj kaj, tial, oni povas trovi personojn, elstarantajn politike kaj-aŭ kulture kiuj tre favoras la Zamenhofan lingvon. Ĉiu samideano estas devigita akcepti tion kaj danki tian mirindan klopodon. Tamen la realo estas tre kontraŭa al disvastigo de Esperanto en Hispanio.

Simpligi la kaŭzojn de kiu ajn socia fenomeno estas mallerte. Planlingvo estas grava afero kaj la konvenaj rimedoj por efektivigi la disvastigon de Internacia Lingvo estas limigitaj de privata kaj publikaj organizoj kaj unuopuloj. Mi konscias pri tio kaj pri la neceso ĉiam studi malsupraĵe kaj revizii esperantajn agadplanojn. Sed kion mi ne akceptas tro estas, ke plimalpli elstaraj movadanoj malprizorgas la antaŭeniron de Esperanto prisilentante, kutime, la penojn de aliaj samideanoj kaj, tiamaniere, malhelpante, ke novbakitaj esperantistoj postenu respondece kaj agadu efike. Ŝajne iuj personoj jam scias tiom pri la Movado kaj pri la Internacia Lingvo, ke oni opinias bagateloj ĉiujn proponoj de la ceteraj. Tiu-

rilate plaĉus al mi esti informita pri kio temas, ĉu pri orgojlo, cu pri elreviĝo, ĉu pri malkomplezo... Sed kion oni ne povas toleri tro estas, ke homoj oficiale gravaj en la Movado malŝatas aliajn samideanojn eĉ ne respondante, letere, la demandojn faritajn al ili.

Eble, mi eraras sed necesas diri laŭte ke ĉiuj povas kaj devas agadi en la Movado, ke la plej kleraj devas sciigi al ceteraj kaj ke unuj kaj aliaj devas kunlabori en la realigado de projektoj trafe pensitaj. Ni ĉiuj havu lokon en la Movado kaj kune antaŭenpuŝu ĝin. Kiel? Jen mallonga pripenso pri la afero.

Estas klare, ke ni ne povas eniri en la lernejojn rapide kaj oficiale, ĉar la politikistoj ne estas konvikintaj pri la graveco aŭ taŭgeco tion fari. Tamen, ĝis pli bonaj ventoj blovos, ni devas profiti la ŝancojn kiujn la nuntempa hispana socio havigas al ni. Tiu rilate mi volas atentigi pri la rolo de la Asocioj de Gepatroj de Gelernantoj en niaj ŝtataj kaj privataj lernejoj de Ĝenerala Baza Edukado. Tial necesas diri:

Unue, ke la estraroj de tiaj organizoj konsistas el aktivuloj kiuj deziras ebligi al la lernantaro pli kompletan edukon ol tiun kiun oni povas havigi dum la klasa horaro fare de la instruistoj.

Due, ke ĝiaj respondeculoj konsciataj pri la monaj limoj de siaj asocioj serĉas kaj dankas la senpagan kunlaboron de ĉiaj fakuloj pretaj konigi ion al la infana studantaro.

Trie, ke, ofte, unu aŭ pluraj el la membroj de la menciitaj estraroj estas simpatiantoj de Esperanto.

Kvare, ke la fama LODE, konstitucia leĝo pri la Edukado, permesos al Asocioj de Gepatroj de Gelernantoj partopreni, pli efike ol ĝis nun, en la organizo kaj kontrolo de la Lernejoj.

Tiu ĉi fakto konsilas profiti ĉiun eblecon kontakti respondeculojn de la menciitaj asocioj por ke ili helpu nin en la disvastigo de Esperanto per la lernejoj, unue akceptigante Internacian Lingvon kiel nedevigan lecionaron kaj, poste, apogante niajn proponojn antaŭ la Registaro por ke, definitive, la Zamenhofa lingvo estu konsiderata same grava ol la angla, la franca aŭ alia nacia lingvo.

Jam de nun, la Lokaj Grupoj povas kontakti por ke Esperanto ĉeestu la gazetojn, revuojn k.s. de la Asocioj. Tio estas grava ĉar, kutime, la nura ligilo inter la gepatroj kaj la Asocioj estas tiuj periodaĵoj. Tial, konvenas profiti la ŝancon paroli al la familio pri Internacia Lingvo por ke, tiamaniere, la popolo konsciu pri la neceso ĝin studi.

Ofte, multaj personoj neniom aŭ preskaŭ neniom aŭdis pri Esperanto. Konigu, ni, al ili, niajn celojn partoprenante ankaŭ Kulturajn Semajnojn, Seminariojn, Simpoziojn, k.t.p. por ke nia lingvo estu io normala en nia socio.

Kompreneble, tio estas la unuaj kaj provizoraj paŝoj por la enkonduko de la Zamenhofa Lingvo en edukajn centrojn. Tamen, ĉar la entrepeno estas gravega ni devas pretigi nian kulturan preparon ĝenerale kaj fake por ke Esperanto ĝuu la dignon kiun ĝi meritas.

ILEI konscias pri la afero kaj, tial, prizorgas kapabligi esperantistajn instruistojn laŭ tri gradoj:

1) Elementa, kies celoj estas:
   Atingi bazajn sciojn pri la lingvo.
   Ellerni E-on laŭ konversacia nivelo.

La koncernan instruon havigos la Lokaj Grupoj.

2) Meza, kies celoj estas:
Perfektigi la personan lingvaĵon, skribe kaj buŝe.
Scii, baze, la Historiojn de la Movado kaj de la Esperanta Literaturo.

La respondan kapablecon oni povos atingi per memlernado kaj per alesto al esperantaj kunsidoj de Lokaj Grupoj. Mi opinias ke, tiucele, nepras la praktikado de la lingvo per aktiva partoprenado en esperantistaj kunvenoj.

Jen iu bibliografio konsilebla por ellerni la rilatajn sciojn pri la Movado kaj la Literaturo:

Esperantologio, Vol. II, paĝoj 77-168; Julio 1961-a.
Enciklopedio de Esperanto.
Historio de Esperanto, de Courtinat.
Amikeco inter Lusin kaj V. Erosenko (el «El Popola Ĉinio», nº 1 jaro 1983-a.
Esperanto en Perspektivo, de Ivo Lapenna.
Gvidlibro por Supera Ekzameno (Eld. Hungara Esperanto-Asocio).
Horizonto (Januaro-Februaro, jaro 1979-a).
Horizonto (Septembro-Oktobro, jaro 1980-a).
Internacia Pedagogia Revuo, n-ro 3, jaro 1982-a.
Vivo de Zamenhof, de Edmond Privat.
Jarlibro de U.E.A., 1983-a.
El Esperanto, de Pierre Janton.
La dangera lingvo, de Lins.
Retoriko, de Lapenna.
Lingvistikaj Aspektoj de Esperanto, de Wells.

3) Supera, kies celoj estas:
Ellerni, laŭ universitatan nivelon, Lingvistikon, Gramatikon, Historion de la Movado, Literaturon, kaj Esperantologion.

Por estigi tiun superan instruadon oni varbos sufiĉan nombron de hispanaj universitataj gesamideanoj pretaj kapabliĝi por lernigi la rilatajn lecionarojn. La kapablecon de tiuj profesoroj provos ILEI per la responda ekzameno.

La ekvivalento de la supre menciitaj niveloj de kapableco, kompare kun la aktuala hispana eduksistemo estas:

| ESPERANTO | HISPANA INSTRUSISTEMO |
|---|---|
| Elementa | Ĝenerala Baza Edukado |
| Meza | Abiturienteco |
| Supera | Universitato kaj Superaj Lernejoj |

Kaj finfine, jen la gvidlinioj de ILEI pri ĝiaj rilatoj kun la Esperantaj instruistoj: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj organizas la instruon de Esperanto en Hispanio laŭ la supre menciita plano, alvokas ĉiujn samideanojn partopreni tiun gravan kaj noblan entreprenon kaj konsilos teknike tiujn, kiuj, jen izole, jen kune kun aliaj, petos ĝian kunlaboron.

ANDRES MARTIN

# Estado de cuentas de la Tesorería de la Federación Española de Esperanto en el año 1983

## INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Sobrante del año 1982 | 17.659 Pts. | |
| Cuota de socios | 520.802 " | |
| Donativos | 11.775 " | |
| Entregado por «Libro-Servo» | 25.000 " | |
| Derechos de Exámenes | 1.500 " | |
| Beneficio Premio Lotería | 5.000 " | |
| Venta de material | 7.600 " | 589.336 Pts. |

## GASTOS

| | | |
|---|---|---|
| Correo, oficina y reembolsos | 45.290 Pts. | |
| Renta del local y servicios | 46.000 " | |
| Imprenta y edición de Boletín | 430.969 " | |
| Cuota a U.E.A. | 17.447 " | |
| Aportación a la Sección Juvenil | 6.064 " | |
| Material de divulgación | 27.070 " | |
| Varios | 8.340 " | |
| Saldo a cuenta nueva | 8.156 " | 589.336 Pts. |

Valladolid, 31 de diciembre de 1983
LA TESORERA
Carmen Conde Labajo

Vº Bº
LA PRESIDENTA
María Rafaela Urueña Alvarez

---

# Resumen de cuentas de la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto 1983

**INGRESADO:**

| | |
|---|---|
| Saldo a favor en 31-12-1982 | 3.526,— pesetas |
| Por venta de material | 10.520,— " |
| | 14.046,— " |

**GASTADO:**

| | |
|---|---|
| Material, según nota presentada | 3.150,— pesetas |
| Pago Inst. Nac. del Libro Español | 900,— " |
| Correo, etc. | 1.986,— " |

**RESUMEN:**

| | |
|---|---|
| Ingresos | 14.046,— pesetas |
| Gastos | 6.036,— " |
| Saldo a favor | 8.010,— " |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1983
Inés Gastón

# FUNDACION «ESPERANTO»

## Internacia Literatura Konkurso

La Patronaro de la «Fundación ESPERANTO» decidis dum kunsido okazinta la 11-an de februaro de 1984-a organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto.
Estos premio kaj subpremio.

PREMIO
SANCHO REBULLIDA

Premio, 12.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio, 6.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj originalaj verkoj libervole elektitaj en la temoj: «Popola Rakonto» aŭ «Priskribo pri urbo aŭ regiono kun la monumentoj kaj tradiciaj festoj kaj moroj».

REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 4 - 6 foliojn (paĝojn).
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdónimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 15-a de septembro 1984-a.

La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1984-a.
Kun la indiko: Por la Konkurso de «Fundación ESPERANTO»; oni sendu la tekstojn al: Inés Gastón, Pº de la Constitución, 35, 4º dcha. ZARAGOZA-1, Hispanujo.

**Zaragoza la 20-an de februaro de 1984-a**

Inés Gastón
Sekretario de la
«Fundación ESPERANTO» kaj de la Konkurso

---

# LITERATURA FOIRO

La numero, kiun mi nun avide ekzamenas, estas vere havinda. Ĝi estas tre bela. Kiel scii pri la regulara kvalito de **Literatura Foiro**? Tre facile. Ĉu vi scias pri virino juna kaj vigla, kiun vi konas belegan, sed kiu hieraŭ mistere estis malbela, kaj kiu morgaŭ ankaŭ reaperos sen sia beleco? Ni ja ne raportas pri scienco-fikcio! **Literatura Foiro** estas modesta se digna epigono de «**Norda Prismo**»; en siaj dudek kvar paĝoj, **Literatura Foiro** enhavas la esencajn, profundajn, ravajn kaj elvokajn kvalitojn de la bedaŭrinde malaperinta «**Norda Prismo**». Esperanto-Movado ne povas restadi sen grava risko kaj danĝero en sia interna kaj spirita strukturo kaj intelekta vivteno, vakua koncerne altvalorajn ilojn de kultura komunikado. Sendube, niaj samideanoj de «La Patrolo» tre bone komprenis tion, kaj jen kial ili lerte kaj sukcese celis iom plenumi tiun vakuon per sia «Literatura Foiro».

**Igo de Pala**

# Pri la morto de la unua «Esperanto-Oazo»



Antaŭ tri jaroj, kiam ekestis la «Esperanto-Oazo», mi ne povis imagi, ke ĝia vivo estus tiom mallonga. Tamen, estas nun fakto, ke ĝi —en la nuna loko kaj sub la nunaj kondiĉoj, mortas ĉijare.

La nomo oazo estis dusence elektita, lingve kaj naturamike, ĉar mi intencis krei ne nur lingvan sed ankaŭ belan naturan hejmon por esperantistoj.

Unue mi pensis konstrui dometaron kiel malgrandan kernon de estonta Esperantio: dekon da bangaloj luotaj, ĉefan domon kun biblioteko, lernoĉambro, dormoĉambroj, manĝejo, trinkejo, naĝejon kun sunvarmigita akvo, kaj parceloj por kampadi. Pro manko de financa kaj alispeca kunlaboro, mi estis devigita malgrandigi la projekton, ĝis nur kampadejo —kaj realigi ĝin ne helpate. Ĉiujare mi havis la esperon krei grupeton de diversnaciaj samideanoj, kiuj pli malpli konstante restus ĉe mi kaj kunlaborus por la bona evoluo, plibonigo kaj pligrandigo de la entrepreno. Bedaŭrinde mi ne sukcesis atingi tiun celon kaj nun ne plu povas elteni la situacion.

Iom pli ol nur tri jaroj restas ĝis la centjara datreveno de Esperanto, kaj ni ne sukcesis havi eĉ unu Esperantan vilaĝeton. Mi konscias pri la graveco de nia lingvo por la tuta homaro kaj ne rezignas resti pasiva. Tial, mi intencas denove konstrui novan «oazon», por kio mi nepre bezonas samideanan kunlaboron, ĉar la tasko estas tro grava kaj granda, ke ni lasu ĝin dependi de nur unu persono. La kunlaboro povas konsisti el ideoj kaj sugestoj ĝis rekta financa kaj manlabora helpo.

Novan lokon mi intencas en regiono proksima al la centraj Pireneoj, sude de la franca landlimo, ekzemple apud la urbo Jaca (Ĥaka) en la hispana provinco Huesca (üeska). Oni povus asociiĝi al jam ekzistanta kampadejo, aŭ al naturamika asocio, aŭ prefere kaj pli bele, se la kunlaboro estus sufiĉe granda, oni povus konstrui la Esperantan dometaron kiun ni unue planis.

Per tiu ĉi artikolo mi deziras iniciati debaton kaj vokas ĉiujn ideohavontojn, ekde novbakitaj junaj samideanoj ĝis emerituloj: skribu pri tiu ĉi temo al la Esperantaj gazetoj aŭ al mi mem, por ke ni povu havi baldaŭ la unuan Esperantion.

Mi dankas ĉiujn, kiuj apogis la nunan E-Oazon, kaj esperas, ke ne nur ili helpos la novan projekton. La helpontojn mi petas konsideri la komercan aspekton de la entrepreno kiel necesan elementon sed tute ne kiel ĉefan celon.

Malgraŭ grandegaj malfacilaĵoj kaj seniluziiĝo pro la malsukceso de la unua kampadejo, mi ekkonis tre bonajn samideanojn, ĝuis tre belajn internaciajn etosojn kaj faris la jenan gravan konstaton: la procento de bonvolaj kaj helpemaj homoj inter la esperantistoj estas multe pli alta ol la ĝenerala procento. Se la nombro de gastoj estus estinta tiel alta kiel ilia kvalito, la entrepreno estus nun granda sukceso. Tiu konstato nutras mian esperon vivi baldaŭ en Esperantio.

**Aquiles Sanz**

# Memoria-resumen de la labor realizada por la Fundación «Esperanto» y del estado de fondos de la misma

Durante el año 1983, no se produjo cambio alguno en el seno del Patronato de la Fundación ESPERANTO, por lo que la labor pudo realizarse tal como estaba programada.

LABOR REALIZADA

Un año más, la labor realizada por la Fundación ESPERANTO sigue centrada en la celebración de concursos. En 1983, el concurso ha sido convocado para adjudicar el premio «Juan Miguel Piquero», dedicado a literatura infantil o juvenil. El concurso de carácter internacional, fue anunciado oportunamente en el Boletín de la Federación Española de Esperanto y en las principales revistas internacionales.

Se recibieron 20 trabajos de 9 países. El premio está dotado con 10.000 pesetas y accesit de 5.000 pesetas más diplomas acreditativos.

En el concurso de este año han sido premiadas las siguientes autoras:

Premio «Juan Miguel Piquero», Ana María Ranero, de Salamanca, España, por su cuento «Oscar kaj la mevo».

Accesit «Juan Miguel Piquero», Agnieszka Usakiewicz, de Warszawa, Polonia, por su cuento «Kiel ĉiuj katetoj».

ESTADO DE FONDOS

Durante 1983, el capital de la Fundación ESPERANTO ha observado el siguiente cambio: Habiéndose amortizado con fecha 18-11-83, ocho Títulos de Deuda Amortizable 10,25%, con su importe se han adquirido ocho Bonos de Hidrola 1.ª em. 14% (80.000 pts.), habiéndose también aumentado quince accs. de la Compañía Telefónica Nacional de España, correspondientes a la ampliación habida en el año.

Del movimiento de fondos se informa en las cuentas presentadas.

El legado dejado en testamento por D.ª Elisa Ferrándiz Vidal Vda. de Casanovas continua sin haberse hecho efectivo, por no haber vendido todavía los herederos la finca que responde al mismo.

Zaragoza a treinta y uno de diciembre de 1983

Inés Gastón
Secretaria de la Fundación ESPERANTO

# Notas de interés para todos los federados

**Cotizaciones.**—Se ruega a todos los federados que aún no han hecho efectivo el importe de la cuota correspondiente al año actual lo hagan sin demora, para evitar el envio de REEMBOLSO.

**Pago por Cuenta Postal.**—Todos cuantos han efectuado el pago a nuestra Cta. Postal Nº 3.118.078 de Valladolid y no han recibido la Tarjeta de la Tesorera de la Federación acusando recibo de su envio, diríjanse URGENTEMENTE a la Secretaría (Apartado, 119, VALLADOLID) notificando cuándo y a quién enviaron el dinero de la cotización.

**Catálogo de libros.**—El Servicio de Ventas de la Federación ha editado un Nuevo Catálogo que será enviado a cuantas personas lo soliciten.

## MODIFICACIONES AL DIRECTORIO

**ALTAS**

| | | |
|---|---|---|
| BARCELONA | 2.726 | Nogués Ciurana, Miguel; Mallorca, 584, 5.º 3-a d.p. 26. |
| CASTELLDEFELS (Barcelona) | 2.730 | Castelldefels Esperanto-Grupo; Ayuntamiento. |
| MALAGA | 2.731 | García Quintana, Juan Ramón, Edif. Tajo, 5 A, LOS BOLICHES - Fuengirola. |
| VALENCIA | 2.727 | Domenech Savall, Elías; José M.º Mortes, 30, d.p. 14. |
| | 2.729 | Fonfria, Imnaculada; Av. Pérez Galdós, 107, d.p. 18. |
| | 2.725 | León, Pedro Angel; Murla, 5, d.p. 6. |
| | 2.725 | Peris Solaz, Rafael; Camino San Luis, 13, d.p. 13. |
| PICASENT (Valencia) | 2.728 | Añó Belda, José; San Fernando, 2-B. |

**BAJAS**

| | | |
|---|---|---|
| BARCELONA | 1.836 | Nuez Pérez, Pedro |
| SANTA COLOMA DE GRAMANET (Barcelona) | 2.653 | Armengol, Jesús |
| BILBAO | 1.171 | Palacios Herranz, Rafael. |

ERRORES

En el Boletín (enero-febrero 1984) se publicó en la pág. 15 las Modificaciones al Directorio, figurando los socios D. Antulio Asensi de ALCOY (Alicante) y D. Eugenio Sanz de ZARAGOZA con los números 2.174 y 2.178 respectivamente, debiendo corresponderles los números 2.714 y 2.718.

**REUNION EN ALICANTE**

No habiéndose presentado ninguna candidatura para futura sede de la Federación, a pesar de los requerimientos hechos por la actual directiva en los Congresos de Málaga y Zaragoza, y estando a punto de cumplirse el periodo reglamentario de actuación, a fin de evitar el vacio que suele producirse en estos casos, la Presidenta y el Secretario de la Federación han mantenido diversas conversaciones con distintos Grupos esperantistas. En el mes de marzo, se desplazaron a Alicante, donde después de una fructífera reunión, los miembros del Grupo de Alicante quedaron dispuestos a tomar la responsabilidad de formar Junta Directiva y ante la ausencia de otra candidatura hacerse cargo de esta Federación.

# HISPAN-LINGVA POEZIO

## Sonatino *

La princino tre tristas... Kio do ŝin torturas?
Ŝia buŝo frageska ve-suspire murmuras,
ĝi jam perdis la ridon, al ĝi mankas kolor'.
La princino tre palas en la seĝo bril-ora,
mutas klavoj de ŝia klavikordo sonora
kaj svenadas en vazo, forgesite, un* flor'.

En la reĝa ĝardeno pompaj pavoj vostumas;
babilema, duenjo banalaĵojn alzumas,
kaj, en ruĝa kostumo, piruetas pajac'.
La princino senrida, la princino suspira
la libelon konfuzan el konfuzo sopira
persekutas tra l'vastoj orientaj de l' spac'.

Ĉu ŝi pensas pri Ĉina aŭ Golkonda* kron-princo,
pri alia, bremsinta la kaleŝon kun grinco
antaŭ ŝiaj okuloj de dolĉ-luma difuz'?
Pri monark' de l' Insuloj de la Rozoj Odoraj,
aŭ pri reĝo kun brilaj diamantoj trezoraj,
aŭ pri mastro fiera de la perla Ormuz'?

Ve! La povra princino kun la buŝo roz-bela
volus esti hirundo, papilio ĉiela,
leĝer-fluge flirtadi en aero sen bar'
al la suno ascendi per eskal' lum-radia,
majo-verse saluti al la ĉarmo lilia,
kun la vento perdiĝi super muĝo de l' mar'.

Tedas ŝin la bufono, la spinilo arĝenta,
la sorĉita ĉas-falko, la palac' monumenta
kaj la cignoj sam-ritmaj en la blua basen'.
Dume floroj langvoras pro la floro ĉe-trona:
l' okcidenta dalio, la nufar' nordo-zona
kaj la rozo sud-ama kaj l' eosta jasmen'.

Kompatinda princino kun lazuraj okuloj!
Ŝin katenas la riĉoj, ŝin katenas la tuloj
en la kaĝo marmora de la reĝa kastel:
la superba kastelo protektata de gardoj,
kie viglas cent negroj kun la cent halebardoj,
unu drako kolosa kaj sendorma levrel'.

Papilii libere for de stat' krizalida!
La princino tre tristas kaj tre palas, senrida.
Ho vizio el rozo, el eburo kaj or'!
Povi flugi al lando, kie princo ekzistas
(la princino tre palas, la princino tre tristas)
bela super printempo, brila super aŭror'!

La amika feino al ŝi diras susure:
Ĉit... sur fluga ĉevalo al ĉi loko plen-kure
kun la glavo ĉe-zone, kaj en mano la niz',
kavaliro jam venas -li vin amas kun forto
kvankam lin vi ne konas— kaj, venkinte sur Morto,
viajn lipojn fajrigos per pasia am-kis'!

**Rubén Darío**
1867-1916

El la hispana:
F. de Diego

* **Sonatino:** Sonato kurta kaj, ĝenerale, facile interpretebla.
* **un:** Resuma formo de **unu.**
* **Golkondo:** Antikva urbo, en Suda Hindujo, kies suverenoj akumulis enormajn trezorojn, kiuj fariĝis legendaj.

---

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

**Vojaĝo tra Orienta Afriko.** José Starck. Eldonis: La Aŭtoro. Spa, 1983. 16 paĝoj. Presis Grafika Centro de U.E.A.

Tre interesa rakonto pri vojaĝo farita de la aŭtoro en la jaro 1982-a. Du monatojn daŭris la vojaĝo kaj José Starck, nevidanto, trapasis diversajn cirkonstancojn en afrikaj ĉefurboj kaj en kamparoj de la nigra kontinento, foje agrablajn, foje eĉ danĝerajn, sed ĉiukaze la aŭtoro priskribas ilin trafe kaj precize.

La rakonto estas vigla, kaj verkita en la stilo de la grandaj vojaĝistoj kun ekzaktaj detaloj pri loko, tempo, vojaĝ-maniero, kaj ankaŭ pri vizitoj al esperantistoj en diversaj urboj. Kelkaj interesaj anekdotoj spicas la rakonton kaj permesas observi, kiel la aŭtoro akrute kaj tre klare vidas la naturon de la homo.

Resume, mallonga verko, kiun oni legas kun vera plezuro, kaj kiu sendube vekas admiron en la leganto por la figuro de Jose Starck, kies fido en si mem kaj en esperanto povas esti ekzemplo kaj stimulo por multaj el ni.

**Analizo de la Interrilatoj inter la Blindularo kaj la diversaj Socioj de la Eŭropaj Industriiĝintaj Landoj.** José Starck. Eldonis: Brusela Libera Universitato. 167 Paĝoj. Preso kaj bindo tre bonaj.

Multajn doktorigajn tezojn oni jam verkis pri aŭ en esperanto, sed ili restas, bedaŭrinde, for de la eldona kampo.

Nun ni havas antaŭ ni Memuaron de s-ro Starck, pere de kiu li atingis la gradon de Licenciulo pri Sociaj Sciencoj.

Libro densa, plenplena je informoj pri la blindularo en diversaj eŭropaj landoj, kaj, mi kredas, unika en sia genro.

Komenkas la aŭtoro priskribante la staton de la blinduloj en la antikveco kaj Bibliaj ĉapitroj, kaj venas ĝis nia tempo, kun detalaj priskriboj de la naciaj blindul-organizaĵoj, kaj statistikoj montrantaj la laborkampojn de la nevidantoj. Oni observas la singularecon de la Hispana Blindula Organizajo (ONCE). La tuton li studas el historia, psikologia kaj socia vidpunktoj.

La stilo estas sobra kaj akademia, kiel decas al tezo universitata.

Ĉi tiu **Analizo** estas grava aldono al la faka esperanta literaturo, kaj ĝi espereble agos kiel pioniro en la apero de similaj universitataj verkoj en la internacia lingvo.

JES

**Elpafu la sagon** Kolekto de buŝaj poemoj el diversaj Landoj el kvar kontinentoj, kompilintaj de Tibor Sekelj, 187 paĝoj. Eldonis: U.E.A. Serio Oriento-Okcidento Nº 18. Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F. Prezo: 1.554 p-toj.

La libro temas multrilate pri unika verko, kiu mankas al multaj naciaj lingvoj. La konata etnografo kaj esperantisto Tibor Sekelj kolektis 138 buŝajn poemojn, kiu fontas el la animo de kelkdeko de diverskulturaj popoloj, gentoj kaj triboj dissemitaj tra kvar kontinentoj.

Ne temas pri esotera, malfacila poezio, sed facile komprenebla, senpere aŭtentika esprimado de popolaj sentoj.

La lingvaĵo estas laŭ la lingva kontrolo de Antonine Sekelj.

## Convocatoria a Junta General de la Federación Española de Esperanto

De conformidad con lo establecido en nuestros Estatutos, se convova a Junta General Ordinaria que se celebrará en **Sevilla** el día 9 de julio a las 9,30 de la mañana, en la sede del 44 Congreso Español de Esperanto, Instituto Velázquez, Carrión Mejias 10 con arreglo al siguiente:

**ORDEN DEL DIA**

1º Lectura y aprobación, si procede, del acta de la Junta General anterior.
2º Estado de Ingresos y Gastos de 1983.
3º Estado de cuentas del servicio de venta de libros.
4º Memoria de actividades.
5º Propuesta cambio de sede de la Federación.
6º Propuesta de sede para futuros Congresos.
7º Ruegos, preguntas y proposiciones.

# LASTAJ INFORMOJ PRI LA KONGRESO




**KONGRESEJO.—Instituto Velázquez** situanta en strato Carrión Mejias, 10 (Kvartalo: S-ta Catalina) estos la nunjara kongresejo. Je nia dispono ni havos diversajn salonojn por okazigi, se necese, samtempajn kunvenojn kaj kunsidojn.

**BANKEDO**.—En Restoracio YANTAR (Ortiz de Zúñiga, 8) apud Placo «San Pedro» okazos la oficiala bankedo. La prezo estos nur 1.000 p-toj. Restoracio YANTAR situanta tre proksime de la kongresejo estas ankaŭ rekomendinda por ĉiutaga manĝo, ĉar la prezoj estas, vere, modestaj kaj la manĝaĵoj, ege bongustaj.

**EKSKURSOJ**.—Vespere tra la rivero Guadalkviro kaj tuttaga al JEREZ, ARCOS, k.t.p. Dum ĉi-tiu ekskurso oni vizitos unu faman vinkelon el Jerez kaj oni gustumos la mondfaman vinon.

**LIBRO-SERVO**.—En la Kongresejo funkcios kiel ĉiujare, Libro-Servo de la Hispana E-Federacio.

**TURISMAJ BROŜUROJ**.—Okaze de la Kongreso, la Konsilantaro pri Turismo de la urbo eldonis, esperantlingve, plurajn turismajn broŝurojn. Ĉiu kongresano ricevos ĝin en la dokumentujon.

**DATOJ**.—Pro nevola eraro aperis en antaŭa ekzemplero de «BOLETIN» la datoj 7-12 de julio, anstataŭ 6-11, kiu estas la korektaj, se oni konsideras la semajntago.

**DISDONADO DE DOKUMENTOJ**.—Ekde la 11-a horo de la vendredo, 6-an de julio, membroj de L.K.K. estos en la Kongresejo por ke vi povu ricevi vian kongresan dokumentaron; se vi, ne intencas partopreni la Kongreson, bonvolu donu vian konfirmilon al alia samideano por ke li povu ricevi vian dokumentaron.

**GRAVEGA PETO**.—La estraro de H.E.F. kaj L.K.K. laboris por ke la Kongreso plensukcesu. Tamen, eraretoj ne mankos. Ni petas al ĉiu, bonvolemon kaj komprenemon, kun la espero ke ni ĉiu povu ĝui AGRABLAN KAJ AMIKAN KONGRESON.

# NEKROLOGOJ

## DATIVO BLANCO SECO

La pasinta 2-an de Aprilo kaj en sia hejmo de Valladolid forpasis s-ano Dativo Blanco Seco, je la 61-a aĝo, pro dumonata malsano en la pulmo.

S-ro Blanco laboris kiel kontrolisto ce la hispana fervojo, kie li ĝuis de la estimo de siaj laborkamaradoj.

Li esperantiĝis en la jaro 1963-a kaj de tiam li apartenis al Internacia Esperantista Fervojista Federacio (I.F.E.F.).

Okaze de la 26-a Nacia Kongreso de Esperanto okazinta en Palencia en 1965-a, li dejoris kiel Sekretario de la O. K.

Pro laboraj kaj familiaj necesoj li translokiĝis al Valladolid, kie li aliĝis al la Esperanto-Grupo «FIDO KAJ ESPERO» en kies estraro li estis plurfoje kiel voĉdonanto kaj kiel Sekretario.

Ĝisosta esperantisto li partoprenis en pluraj internaciaj Kongresoj de I.F.E.F. inter ili tiuj de Romo (Italio), Turku (Finlando), Ameriko (Nederlando), Regensburg (Okcidenta Germanio), Balatonfüred (Hungario).

La pasinta jaro kiam, kun la valizoj kaj la biletoj pretaj, li estis atendante ĉe la perono de la stacidomo de Valladolid la trajnon por iri al la 35-a I.F.E.F. Kongreson okazonta en Oostende (Belgio) li suferis subite malsanon kiu devigis lin rezigni la vojaĝon.

Ĉi jare la I.F.E.F.-Kongreso okazonta en Slancev Brjag (Bulgario) altiris al nia amiko kiu de la unuaj momentoj aliĝis al ĝi, sed, bedaŭrinde, kelkaj tagoj poste li malsaniĝis.

Al sia estimata edzino kaj al siaj gefiloj ni esprimas nome de ĉiuj membroj de «Fido kaj Espero» kaj de ciuj esperantistoj kiuj konis lin nian plej sinceran kondolencon.

Pace Ripozu

LUIS MARTIN HERRERO

## RAFAEL PALACIOS HERRANZ

Forpasis en Almería la 4an de Aprilo, kiam li estis 71 jara.

Aktiva membro de la Bilbao'a Esperanta Grupo de antaŭ pli ol 30 jaroj, li estis diversfoje sekretario kaj estrarano, membro de la L.K.K. kiu aranĝis la 27an Hispanan Kongreson kiu okazis en Bilbao dum 1966a kaj dum jaroj li dejoris kiel fakdelegito pri kooperativismo kaj vicdelegito de U.E.A. en nia urbo.

Afabla, bonkora, plena da spiritaj valoroj, li preferis la efikan laboron kvankam ĝi ne estus tro brila. Vera amiko kaj entuziasma samideano la bilbao'aj esperantistoj suferas hodiaŭ gravan perdon.

KE LI PACE RIPOZU!

# Pedro Nuez y Pérez



Kun profunda ĉagreno, ni ricevis la informon pri la forpaso de nia samideano kaj kunestrarano Pedro Nuez, okazinta la 4-an de la pasinta aprilo.

Aktiva kaj entuziasma esperantisto, senĉese li gvidis kursojn pri la Internacia Lingvo kaj eĉ li verkis konatan Elementan Gramatikon kiu atingis bonan sukceson kaj helpis lerni Esperanton al multaj hispanaj samideanoj.

Plurfoje li prelegis ĉu en la nacia ĉu en la internacia lingvo, kaj ni devas speciale emfazi sian prelegon okazinta en León, la jaron 1978-an, kiam okazis la unua kongreso aranĝita de la nuna H.E.F. estraro.

Li estis membro de la redakcia komitato de BOLETIN dum pluraj jaroj kaj membro de la Estraro de H.E.F. ĝis sia morto.

Li estis, kune kun aliaj viglaj katalunaj esperantistoj, la motoro de la renaskiĝinta Kataluna Esperanto-movado, unue kiel Prezidanto de la Kataluna Kunordiga Komitato, kaj poste kiel membro de la estraro de Kataluna Esperanto-Asocio, ĉiam neforgesante la tutlandan Esperanto-movadon.

Nia lasta persona kontakto kun nia karmemora samideano estis en Sabadell, okaze de la lasta Kataluna Kongreso, kaj tiam ni povis konstati ke sia sanstato, bedaŭrinde, ne estis bona.

La forpaso de s-ano Pedro Nuez, lasas grandan vakuon en niaj vicoj, kaj lia aktiveco devas esti ekzemplo por ni ĉiuj.

Al la familio, ni esprimas nian plej sinceran kondolencon.

**M. R. Urueña**

# DEZIRAS KORESPONDI

Por interŝanĝo da p.m. **kun** junuloj el la tuta mondo; 17 jaraĝa studento; s-ro Javier Ayape Ballesteros; Pradillo, 9 3º D; **MADRID**-2 (Hispanio)

Pri ĉiu temo **kun** la tuta mondo; 18 jaraĝa studento; s-ro Julio Antonio Esteban Coronado; Limón, 22, 3º A; **MADRID-8** (Hispanio)

Pri ĉiu temo kun junuloj el la tuta mondo; 19 jaraĝa studento; s-ro Alejandro García Payo; Camino de Vinateros, 77, 3º B; **MADRID-30** (Hispanio).

Kun junuloj; s-ro Wilson Brigido Freire; Apartado, 285; **9.500 PONTA DELGADA** Acores, (Portugalio)

Kun la tuta mondo, gelernantoj de E-Sekcio de Foment Català; Badal, 121, 1º **BARCELONA-28** (Hispanio).

Pri Muziko, desegno, k.t.p.; s-ino Borovszki Csilla; Hdrsfa u. 71; **H-1.162 BUDAPEST** (Hungario).

Kun junulinoj el Hispanio, Francio aŭ Italio; s-ro Palfi Otto; Deak A/3 2.5 **H.7.130 TOLNA** (Hungario).

Pri psikologio, arto, literaturo, vojaĝoj k.t.p. kaj por interŝanĝo de p.m. kaj b.k-ojn; 25 jaraĝa medicina studento; s-ro Petar Mateev; Bratja Mjladjnovj 68 vh g; **9.000 VARNA** (Bulgario)

Pri diversaj temoj; universitata studento, komencanto; s-ro Maticsak Sándor; Sárkoz u. 36 **H-4.600 KISVARDA** (Hungario)

Kun veteranoj; s-ro Henri Maro Courbin; «Le Roux» Bonnetan; **F-33.370 TRESSES** (Francio)

Pri Literaturo, historio kaj ĉiutagaj aĵoj, hungaraj instruistinoj; s-ino Marcella Kovács kaj s-ino Suzanne Kovacs; Deak F u 2; H-4. 164 **BAKONSSZEG** (Hungario).

NOTO.—**Petante** anoncon por ĉi-tiu rubriko skribu ĉiam tre klare kaj prefere tajpe.

# 44-a Hispana Esperanto-Kongreso

(Seviljo, de la 6-a ĝis la 11-a de julio 1984-a)
Temo: «**Turismo, ĉu socia fenomeno?**»
Kongresejo: **Instituto Velázquez** (Carrión Mejías, 10)

## KONGRESPROGRAMO

**Vendredon 6-an**

11-14 h. Disdonado de dokumentoj
17-19 h. Disdonado de dokumentoj
20 h. Vizito al la Alkazaro

**Sabaton 7-an**

9-11 h. Disdonado de dokumentoj
9 h. **Kunveno de la Estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj.**
12 h. **Solena Inaŭguro** (festparolos hispanlingve pri «**Función del Esperanto en los fines de desarrollo económico y cultural del turismo**» s-ro Manuel Figuerola).
17 h. Ekzamenoj (Elementaj kaj Superaj).
19 h. **Seminario pri Turismo** (gvidanto, G.C. Fighiera)
21,30 h. Junulara Vespero (loko kaj programo anoncotaj)

**Dimanĉon 8-an**

10 h. Kunveno de redaktoroj de E-revuoj kaj gazetoj (gvidanto, S. Aragay).
11,30 h. **Fakaj kunvenoj** (H.E.J.S., H.E.F.A., I.L.E.I., Antón Balagué k.t.p.)
19,30 h. Sipa promenado tra la rivero Guadalkiviro (elirpunkto: Torre del Oro).

**Lundon 9-an**

9,30 h. **Ĝenerala kunveno de H.E.F.**
13 h. **Prelego en Esperanto** (Prof. Manuel Ramírez prelegos pri «**Esperanto, inter la planlingvoj**).
19 h. Omaĝo al la veteranoj.
21 h. Folklora prezentado (andaluzaj kantoj kaj dancoj)

**Mardon 10-an**

9 h. Duontaga vizito tra la urbo
18 h. Oficiala prezento de novaj verkoj
18 h. Informa prelego pri Filozofia Asocio Tutmonda (preleganto: Miguel Angel Sancho)
19 h. **Laborkunsido de Hispana Jubilea Komisiono** (gvidanto: S. Aragay).
20,30 h. **Solena Fermo**
22,30 h. Bankedo (Rest. YANTAR; Ortiz de Zúñiga, 8)

**Merkredon 11-an**

9 h. Tuttaga postkongresa ekskurso al Jerez, strando kaj Arcos.

**RIMARKO:** En la kongresejo funkcios la Libro-Servo de H.E.F.